# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 16/07/2015 Ducent dudeksesa eldono 16/07/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Bob Felby**



**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn
Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Mi pardonpetas. Erare mi sendis neprovlegitan AE 225-on al vi. Se vi konservas kopiojn, la provlegita „Aŭstraliaj Esperantistoj 225" estas havebla je la suba adreso http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo (Pasintaj numeroj de 'A E')**

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★




**Esperanto-ŝlosilo** Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. Memoru ke ĝi celas esti propaganda libreto ne instru-libreto. http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

★★★★★

En A.E. la EFNSK petas aŭdi pri eraretoj en via Esperanto-ŝlosilo represota. Mi do serĉis kaj trovis, ke mia "edition 02" jam estas tiom bonega, ke mi ne povis trovi iun ajn eraron. Gratulojn! Mi nur aldonus al la "Prefixes" la prefikson "retro-" ĉar estas granda signifodiferenco inter "reiri", to go again, kaj "retroiri", to go back, Marcel Leereveld.

# 79. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## La Refleksivo per "si". B.

Dum la gramatiko de Esperanto estas multe pli facile lernebla ol tiu de etnaj lingvoj, la refleksivo en Esperanto estas, necese, preskaŭ same malfacile aplikebla kiel en etnaj lingvoj. Tion parte kaŭzas, ke Zamenhof ne kreis la refleksivon per speciala sufikso. Ĉu li pravis aŭ malpravis, estas malfacile juĝebla. Sed li kreis ĝin laŭ la eŭropa modelo, per la persona pronomo "si", kiu aplikiĝas nur al la gramatika tria persono. Do por la unua kaj dua personoj ne ekzistas speciala formo de refleksiva pronomo, kaj oni simple uzas la saman pronomon kiel en la subjekto, ekz. "Vi ĉiuj devos lavi vin" kaj " Mi nun

retroiras al mia domo". Notu ke "vin" kaj "mia" ne estas refleksivaj pronomoj en ekz. "La flegistino lavos vin" kaj "Ni bonvole retroiru nun al mia domo", ĉar la refleksiva pronomo ripetas la subjekton de la verbo.

Ankaŭ en la tria persono la speciala refleksiva pronomo "si" ripetas la subjekton de la verbo, kio ajn tiu subjekto estas. Do en "La patrino lavas ŝin" la pronomo "ŝin" ne povas esti la patrino, ĉar nur la refleksiva pronomo, "sin", ripetas la subjekton; "ŝin" do devas esti iu alia, ekz. la filineto. Se la pronomo "si" ne ekzistus, kaj ĉi tie do estus "ŝin", oni ne scius kiun la patrino lavas, sin mem aŭ la filinon. Daŭrigota.

Marcel Leereveld.



## Novaĵoj pri la Esperanto-Doma Gastdormejo

La **GASTDORMEJO** de EFNSK devas esti antaŭmendita de estontaj Esperantistaj gastoj.

Sendu ĉiujn petojn por resti en la gastdormejo al la Sekretario per retmesaĝoj al:
gymea@hotmail.com; rspring@tpg.com.au; **kaj** nsw@esperanto.org.au;
Tri vizitantoj el Koreo de la 3a ĝis 6a de aŭgusto. Vidu AE 222 por detaloj. Ĉu vi povus helpi ilin?

## Nia moderna mondo







Sendis Peter Weide
16 bildojn
Vidu estontajn AEojn

# Lingvo aŭ Religio fendas la Popolon

Profesoro Ingrid Piller petas angla-lingvan raporton el la plumo de aŭstralia esperantisto rilate la jubilean kongreson en Lillo. Bonvolu vidi en la komentoj de Language or religion: which is the greater fault line in diverse societies?



Ingrid estas profesia poliglоto kaj ĉampiona akademiano kies alt-nivelaj eseoj ofte kontraŭstaras la terurajn efikojn de antaŭjuĝeco; ŝi al universitatanoj koncentriĝas aparte pri la lingva demando. Bonvolu tralegi ŝian aktualan eseon kaj ties komentojn je la subo por taksi eventualan kaj taŭgan temon pri la de ŝi petita raporto. Vi tuj rimarkos la profesiecon de ŝia verk-talento kaj ke la financaj rimedoj por aperigi ĉi ĉion abundas.

Espereble unu el viaj legantoj, kiu kongresos en Francujo, pretas verki samteman raporton pri la porpacaj celoj de la Movado kaj pri la amikaj interkonsiliĝoj flanke de parolantoj de Esperanto kadre de la jubilea kongreso. Amike Paŭlo Desailly

---

Gratulojn al Joanne Johns pro la artikolo pri Esperanto en la prestiĝa THE MONTHLY Julio 2015. Se ni nur povus 'kloni' Joanne kvindekoble, la estonteco de nia lingvo estus tutsekura. :)
Vera Payne

---

La vivo estas kalejdoskopo!

kaj pro tio mi ne antaŭscias pri la enhavo de tiu ĉi.....

Saluton estimata Roger Springer,
Koran dankon pro la sendado de la revuo 'Aŭstraliaj Esperantistoj', kiun mi apreze legas. Mi elkore dankas vian samlandanon Bob Felby, kiu antaŭ kelkaj jaroj informis min pri ĝi.
Kiel tiom da aliaj homoj mi estas bloganto. La nomo de mia ĉefa blogo estas 'La vivo estas kalejdoskopo.' kaj portempe la ĉefa temo temas pri akvo-projekto en DR-Kongolando. AVE samideane kaj finance apogas la projekton, pro tio mi estus al vi tre dankema, se vi enmetus la ligilon de la blogo en vian revuon.
http://rosejo.blogspot.dk/search?updated-min=2015-01-01T00:00:00%2B01:00&updated-max=2016-01-01T00:00:00%2B01:00&max-results=10
Okaze de la UK-o en Lillo oni i.a. priparolos la projekton dum la jarkunveno de AVE.
Amike salutas Betty Chatterjee

---

Ni kaptas la oportunon inviti Vin konatiĝi kun la nova menuero **Esperantaĵoj** de LBV-retejo pri novaĵoj rilatantaj al la multjara agado de Legio de Bona Volo per kaj por Esperanto. Ĝi estas legebla ĉe <http://www.boavontade.com/eo/esperantajoj>.

# Novaĵo sendita de Aŭstraliaj vojaĝantoj al la lilla U.K.

Alan Bishop prelegos pri Valoroj en Esperantujo: ilia karaktero kaj evoluo en edukado, la 28an de Julio en Lillo. Ankaŭ Jonathan Cooper prelegos dum la kongreso.
Amike, Nicole

## Saluton el Martin en Slovakio.

La kurso komenĉiĝis kaj ĝis nun ĉio estas en ordo. Ĉeestas ankaŭ Helen kaj Sandor.
Estas somero do la vetero estas bonega. La etoso estas bona.
Amike, Gerry Phelan.

## Ĉi tiuj Semajnfinaj Esperantaj Kunvenoj **ANZ-Esp-Kluboj**

Elsendata ĉiun vendredan vesperon.

Nova ero ★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



### La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas ĉiun trian Sabaton 18 Julio 10:00-12:00
Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

Nova ero ★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Kunveno de Via Klubo ??

Se vi reklamus vian venontan kunvenon ĉi tie, eble venus vizitantoj.

## Lernu Esperanton kun EuroTalk




Jen alia nova kurso de Esperanto por iPhone kaj iPad. Ree multaj personoj ekscios pri la ekzisto de Esperanto kaj eble scivolemos.
https://www.youtube.com/watch?v=gYZoB2Me9T4#t=243 Amike, Nicole




Intertempe jam estas pli ol 58.500 lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo. https://www.duolingo.com/

# Komente al artikoleto malsupre sur paĝo 3 de A.E. n-ro 225 la jenon:

## Brisbano estas la ĉefurbo de Reĝinlando.



La du precipaj manieroj por Esperantigi geografiajn nomojn estas:

1e. Uzi la originajn vortojn en la nacia lingvo kaj adapti ilin al la Esperanta literumado kaj sontransigo, ekz. Njuzelando, Losanĝeleso.

2e. Traduki la signifon de la origina vorto al Esperanto, kun Esperanta literumado, ekz. Novzelando, Novjorko.

Mi persone preferas la unuan manieron, ĉar ofte ne eblas trovi la signifon de la vorto.

Sed la vortaristoj kaj verkistoj kutime uzas miksaĵon de la du.

Por Aŭstralio mi preferus uzi nur unu sistemon, sed antaŭ multaj jaroj Ralph Harry decidis fari por P.I.V. liston de la aŭstraliaj nomoj geografiaj. Mi dubas ĉu li petis helpon de aliiuj. Kaj li decidis uzi miksaĵon de ambaŭ manieroj. Mi trovas tion stranga. Se Kvinslando, mi konsekvence uzus Njusaŭzvelso kaj Vestralio kaj Saŭstralio, kaj se Novsudkimrujo mi uzus Okcidentaŭstralio kaj Reĝinlando. Eĉ se s-ro Harry konsultis aliajn aŭstraliajn Esperantistojn, kion mi dubas, tiuj aliaj tendencus akcepti la vorton de Ralph.

Ĉar mi preferas fiksan regulon, nome la unuan manieron, mi mem ĉiam uzas Kvinslando kaj Njusaŭzvelso kaj Njuzelando, kaj Nordteritorio. Mi krome opinias, ke unu geografiaĵo devas, se eblas, esprimati per unu vorto nur, sen streketoj kaj kun nur unu ĉeflitero. Do Papunjugineo kaj Nuvelkaledonio kaj Brokenhilo. Cetere mi favoras lasi la plej grandan nombron da geografiaj nomoj neEsperantigitaj, sed nur latinliterigitaj.

Marcel Leereveld.

## La Klubaj Kontribuantoj al la Novaĵletero

| Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj | 197 | 198 | 199 | 200 | 201 | 202 | 203 | 204 | 205 | 206 | 207 | 208 | 209 | 210 | 211 | 212 | 213 | 214 | 215 | 216 | 217 | 218 | 219 | 220 | 221 | 222 | 223 | 224 | 225 | 226 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AEA informas | | ■ | ■ | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | | ■ | | | ■ | | ■ | | |
| Aliaj Landaj kontribuantoj | | | | | | | | | | | ■ | | | | | ■ | | | ■ | | | | | | | | ■ | | ■ | |
| Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | | | | | |
| Brisbana Esperanto-Societo | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | ■ | | ■ | | | | | | | |
| Centra-Marborda Esperanto-Klubo | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | ■ | | | | | | ■ | ■ | | ■ | | | | |
| Kanbero Esperanto -Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | |
| Manlia Esperanto-Klubo | ■ | | | | ■ | | | ■ | | ■ | | ■ | | | | ■ | | ■ | | ■ | | ■ | | | ■ | | ■ | | ■ | ■ |
| Melburna "Meetup" Grupo | | | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Melburna Esperanto-Asocio | | | | | | | ■ | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | ■ | | ■ | ■ | | ■ | | ■ | ■ | |
| N.S.K Esperanto-Federacio | ■ | | | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | | ■ | ■ | | ■ | | | | ■ | |
| Noumea Klubo (NovKaledonio) | | | | | | ■ | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Okcident-Aŭstralio Esperanto-Ligo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Sudaŭstralio | | | | | | | ■ | | | | | | | | ■ | ■ | ■ | | | | | | | ■ | ■ | | | | ■ | |
| Tasmania Esperanta Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Toowoomba Esperanto-Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | | | | | |
| Torkia Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Viktorio Esperanto-Federacio | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| 3ZZZ Esperanto-programo | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | ■ | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | |
| | 30 | 29 | 28 | 27 | 26 | 25 | 24 | 23 | 22 | 21 | 20 | 19 | 18 | 17 | 16 | 15 | 14 | 13 | 12 | 11 | 10 | 9 | 8 | 7 | 6 | 5 | 4 | 3 | 2 | 1 |

"Informu AE, se estas eraro en la listo" rspring@tpg.com.au

Eĉ mallonga raporto kaj foto informas ke via klubo ekzistas

